**ĈU VI KONAS BAFE?**
Pro daŭre neklara situacio de la Belga Esperantista Fervojista Asocio BEFA, la internacia kupola organizo IFEF (Internacia Fervojista Esperantista Federacio) instigis belgajn IFEF-membrojn dum sia kongreso ĉi-monate en Malago fondi BAFE (Belga Amikaro de Fervojistaj Esperantistoj).

La avantaĝo de tiu paŝo estas ke Belgio povas denove plene agadi en la faka organizo IFEF. Membroj de BAFE ricevas la revuon "Internacia Fervojisto" (IF) kaj rabaton dum IFEF-kongresoj. La kotizo por 2019 kaj 2020 estas 10 eŭroj por membro kun reta abono al IF kaj 16 eŭroj por membro kun papera abono al IF. De la 29a de majo ĝis la 5a de junio 2020 la venonta IFEF-kongreso okazos en Frankfurt/Oder – Slubice (PL) kunlabore kun Germana Esperanto-Asocio kaj Pola Esperanto-Asocio. Pliaj informoj pri tiu kongreso estas riceveblaj ĉe: Marc Cuffez, la kontaktpersono de BAFE flandrio@hotmail.be - Kristin Tytgat Kristin.tytgat@skynet.be

Jen la kontonumero de BAFE por (re)membriĝi BE85 6105 5937 1106 je nomo de Margaretha Symoens.
Retpaĝo de IFEF: www.ifef.net

---

**FORPASIS LOUIS-CHRISTOPHE ZALESKI-ZAMENHOF (1925-2019)**
Louis-Christophe (Ludoviko Kristoforo) ZALESKI-ZAMENHOF (naskiĝis la 23-an de januaro 1925 en Varsovio, mortis la 9-an de oktobro 2019 en Parizo) estis doktoro inĝeniero pri surlanda kaj enmara konstruado, aparte pri premŝtalbetono, nepo de L. L. Zamenhof. Li estis filo de Adam Zamenhof kaj Wanda Zamenhof, naskita Frenkiel; la personan nomon li ricevis honore al sia avo, Ludoviko Zamenhof, la kreinto de Esperanto. Li estis Honora Membro de UEA. Pli da informoj legu en la teksto de Roman Dobrzyński, aperigita en Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Louis-Christophe_Zaleski-Zamenhof

---

**ESPERANTO IN DE NIEUWSBRIEF VAN FELIX_PAKHUIS**
In het oktobernummer van de nieuwsbrief van het Felix-Pakhuis werd aandacht besteed aan Esperanto. Onderstaande tekst verscheen.

*De Vlaamse Esperantobond coördineert de werking van de verschillende groepen en onderneemt acties om het gebruik van een neutrale tweede taal en het behoud van taaldiversiteit te bevorderen.*

*Een verhuis van de organisatie eind 2016 was de aanleiding om een groot deel van de bibliotheek en van de archieven toe te vertrouwen aan respectievelijk de Erfgoedbibliotheek Hendrik Conscience en het FelixArchief. Hierover berichtten we in 2018. Cyreen Knockaert zorgde toen mee voor de verwerking van de archieven van de Vlaamse Esperantobond in het FelixArchief en legde hiermee de meer dan 100-jarige geschiedenis van deze organisatie bloot door middel van foto's, verslagen, drukwerken, krantenknipsels en andere administratieve documenten.*

*Op Wikipedia (Vikipedio) is het Esperanto ook thuis. Dankzij Cyreen heeft het Sint-Felix-Pakhuis er nu ook een pagina.*

---

**PLI OL 7000 GAZETOJ EN BITARKIVO**
BitArkivo estas projekto komencita en januaro 2016 de Iván García. Ĝia celo estas konservi esperantajn gazetojn, librojn kaj aŭdio-dokumentojn kiel podkastojn. Estas kaj estis aliaj retejoj kun sama aŭ simila celo kiel Bitoteko, Gazetoteko, ktp. Ĉiuj arkivitaj materialoj estas senpage alireblaj ĉe la oficiala retejo (kiu havas kopion ĉe la retarkivo Wayback Machine).

La 11an de oktobro ili atingis la kvanton de pli ol 70 periodaĵoj kun 7000 numeroj. Troveblas en BitArkivo interalie 344 numeroj de Belga Esperantisto (https://bitarkivo.org/gazetoj/belgaesperantisto), 168 numeroj de La Belga Sonorilo (https://bitarkivo.org/gazetoj/belgasonorilo) kaj 292 numeroj de Flandra Esperantisto (https://bitarkivo.org/gazetoj/flandraesperantisto)





# IMPRESOJ PRI LAHTIO

*15 Belgaj Esperantistoj partoprenis la lastan Esperantokongreson en la finna Lahtio. Ĉi-sube kelkaj impresoj de partoprenantoj.*

Por mi la plej grava programero de la pasinta UK en Lahtio estis certe la komitatkunsidaj horoj. Ĝi estis mia unua fojo kiel komitatano A por Belgio. Mi volus per ĉi tiu vojo danki la aktivulojn en BEF pro tio ke ili elektis min por plenumi tiun rolon. Ĝuste pro tio ke estis mia unua komitatkunsido mi pli ofte aŭskultis ol mem intervenis. La protokolo haveblas en la retejo de UEA: uea.org/teko/komitato.

Ĉar estis elekta jaro, la komitato ofte voĉdonis. Ni elektis novan estraron. Ĝi konsistas el ok homoj. Mi subtenis la proponon havi naŭ estraranojn. Ĉar la agadkampo de UEA estas tre vasta kaj varia. Por prezidanteco estis du kandidatoj, nome Fernando Maia el Brazilo kaj Duncan Charters el Usono. Tiuj du subtenis unu la alian. Finfine elektiĝis Duncan. Maia elektiĝis vic-prezidanto. Ni elektis du vic-prezidantojn. Ankaŭ la estrarano pri financoj Trezoro Hung Yinbao rolas kiel vic-prezidanto. Estas bedaŭrinda fakto ke neniu virino estas en la estraro. Sinjorino Chen el Ĉinio povintus esti en la estraro se oni tamen elektintus naŭ estraranojn. Oni ofte plendas pri la troa eŭropeco de nia movado. Sed en tiu ĉi estraro sidas nun unu eŭropano, nome la ĝenerala sekretario Aleks Kadar.

Alia elekto estis tiu de la komisiono pri financoj. Mi mem estis kandidato. Unue la komitato fiksis la nombron de komisonanoj. La maksimuma estis kvar dum estis kvin kandidatoj. Ankaŭ ĉi tie tio rezultigis ke la ununura virina kandidato ne elektiĝis.

Ekestis la demando en kiu preciza tempo la prezidanteco iru de la antaŭa prezidanto Marc Fettes al la novelektita prezidanto Duncan Charters. La komitato decidis ke tio okazu en la dumkongresa merkredo. Fakte mi miris pri tio. Ĉu ja ne ekestis jam tradicio pri tio post tiom da jaroj? Mi iom pripensis tiun aferon kaj nun opinias ke la prezidanto elektita oficiale alprenu tiun rolon ekde la unua de januaro. Tiel li havas kvazaŭ duonan jaron por kunlabore kun la antaŭa prezidanto 'prepari sin'. Tio kontribuus laŭ mi al la profesieco de la posteno. Kion opinias vi, kara leganto?

La plej grava parto de la komitatkunsido tamen ne estis la nova estraro-elekto sed la priparolo de la financa situacio de UEA. Jam de pluraj jaroj UEA funkcias per deficito. La antaŭa estraro laboris pri financa resanigo. La komitato aprobis la elektitan vojon por tion atingi kvankam estas bedaŭrinde ke



unu el la rezultoj estas la duonigo de la laborhoroj de tri dungitoj en la centra oficejo en Roterdamo. Mi kalkulis ke se UEA havus mil individuajn membrojn pli, la deficito ne ekzistus. Do, kara leganto, se vi ne estas membro individua de UEA ... pripensu. :)

*Ben Indestege*

Laŭ mi estis neordinara kongreso en neordinara kongresejo. Kiam ni serĉis hotelon mia unua zorgo estis ke ĝi estu apud la stacidomo aŭ almenaŭ facile atingebla. Kaj tio sukcesis! Plie, estis bushaltejo ĝuste malantaŭ la hotelo, tiel ke la veturado al la kongresejo daŭris apenaŭ tri minutojn, plus kvin minutojn da piedirado.

Lahtio plaĉis al ni pro pluraj kialoj. Ĝi vere estas verda urbo, kun multaj arboj kaj plantoj; promeni tie donis al ni novan senton pri naturo, eĉ en la centro de la urbo. Jam la unuan tagon de nia restado ni aĉetis oktagan buskarton, kaj tiel ni neniam havis problemojn por viziti diversajn lokojn. Aparta agrablaĵo estis kiam ni restis dum la tuta trajekto en buso de iu specifa buslinio kaj tiel vizitis belajn kvartalojn de Lahtio, kiel tiu apud la lago.

Ni regule aĉetis varojn ĉe Trio, superbazaro en la centro, kaj poste trankvile vespermanĝis en nia hotelĉambro.

Alia malkovro estis la finna sistemo pri trinkaĵoj: botelo de 1,5 litro da akvo kostas 0,79 € plus 0,40 € por la plasta botelo. Laŭ ni sufiĉe kosta! Sed la lastan tagon ni metis 4 botelojn en iu maŝino, ricevis kuponon de 1,60 € kaj do rekuperis monon por tiam aĉeti bananojn de 1,75 € kiujn ni pagis nur 0,15 €! Kaj la plasta sako estas ECOBAG, do ekologia! Ni ankaŭ rimarkis ke junuloj serĉis en rubujojn por trovi plastajn botelojn. Rezulto: nenia rubaĵo en la stratoj! Oni rakontis al ni ke estas bona maniero por homoj kiuj tiel gajnas kroman monon, fojojn eĉ grandan sumon!

Kaj ni profitis de agrabla vetero; nur post nia forveturo ankaŭ Finnlando suferis pro tre altaj temperaturoj.

*Flory Witdoeckt*

La plejparton de mia tempo mi 'pasigis' kiel prizorganto/amuziganto de la infanoj en la infana kongreso (IIK), do mi ne povis multon ĉeesti dum la kongreso (por plenkreskuloj). Kion mi ja partoprenis estis la koncerto de Kajto, kiuj estas personaj amikoj de mi. Krome, mi iris danci dum la koncerto de Jomo kaj tiu de Asorti. La lastaj daŭre petis ke mi venu por danci kaj kunkanti la kanton pri motorciklo, kion – laŭ ili – ne eblas kanti sen mi.

Kompreneble, kiel petas la tradicio, mi kantis kun la infanoj kaj teamo de IIK dum la solena fermo. Mi ankoraŭ restas tre danka ke la publiko tiel vigle kaj spontanee reagis, kunkantante.

Estis varmega semajno, ĉu pro tiom da varmaj amikaj rondoj dum UK/IIK? Tamen neniam tro varma por knufli ĉiujn, ĉu?

*Nicky Janssen*

Kvankam mi, nombrite en horoj, pasigis malmulte da tempo ekster la kongresejo, mi tamen povis gustumi la du ĉefajn ingrediencojn de la finna naturo: lagoj kaj arbaroj. Mi ja havis la bonŝancon restadi en (izolita) kabano sur la bordo de lageto, meze de la arbaroj. Kaj krome la kabano disponis de saŭno, la finna fieraĵo, kaj varmakvo-kuvo. Mia tempo en Lahtio vere respegulis la kongrestemon: "Vivanta kulturo, floranta naturo".

Dum la kongreso – bedaŭrinde ĉiam mankas la tempo por tio pro tro ŝargita programo – mi povis babili kun kelkaj homoj, konataj kaj malpli konataj.

Unu el la kulminaj punktoj por mi estis la Nacia Vespero en la prestiĝa Sibeliusdomo (Sibelius naskiĝis je nur kelkaj kilometroj de Lahti). La programo estis kaj altnivela kaj varia. La kombino de (poezia) akrobataĵoj kaj diversspecaj muzikpecoj, de repo al orgenmuziko, de popolmuziko al klasika, vere funkciis. La diversaj artistoj estis klare profesinivelaj, plej verŝajne ne-esperantoparolantaj sed la tuton parole kungluis du junuloj en senriproĉa Esperanto. Al mi plej plaĉis la juna samedevena repisto kiu repis en pluraj lingvoj, i.a. la samea*. Kvankam mi ne komprenis eĉ unu vorton, mi konsideris ĝin la apogeo de la vespero.

Koncerne la finnan mi nur povas diri ke – eĉ post fulmkurso dum la kongreso – mi apenaŭ memortenos kelkajn vortojn. Ne eblas rekoni radikon el, al ni kutimaj, lingvaj familioj kiel la ĝermana aŭ la romanika. Bonŝance tute bone regas la anglan majoritato de la finnoj … ĝis certa aĝo. Tion mi spertis kiam mi klopodis atingi mian kabanon. Nur dank'al la interpretado de mia anglaparolanta gastiganto la maljuna fremdlingvo-imuna taksiŝoforo trovis ĝin.

*(*) La sameoj estas la 'diversspeca' etno kiun ĉiuj antaŭe nomis la 'laponoj'. Sed tiu lasta nomo havas por la sameoj negativan kunsignifon, iom komparebla al la vorto 'boeren' kiu ankaŭ ne estas ŝatata de agrikulturistoj. Cetere 'la' samea lingvo ne vere ekzistas. De sameaj prelegantoj dum la kongreso mi lernis ke estas pluraj familioj de sameaj lingvoj kiuj ja estas parencaj unu al la alia.*

*Piet Glorieux*





# VIVO DE ZAMENHOF

## STUDENTAJ JAROJ – ĉapitro 4

## STUDENTENJAREN – hoofdstuk 4

Post longa kiso de l' patrino la studento forveturis Moskvon.Urbego vasta. Universitato plenega. Brilas Kremlaj turoj. Sur stratoj neĝo blanka. Kuras glitveturiloj, tintadas sonoriletoj.Rapidas ĉevaloj longharaj. Ĉie vivo gaja, vigla.

Malriĉe loĝis la junulo. Per lecionoj li gajnetis iom. Sed malfacile juna hebreo trovas eĉ okazojn por instrui. Ankaŭ li verketis iom por gazeto, la "Moskovskie Viedomoŝti". Hejme la gepatroj time zorgis. "Nur dek naŭ rublojn mi elspezas en monato", li skribis por ilin trankviligi. Sed kiel li sin nutris!

Konscience li studadis medicinon. Ankaŭ li kliniĝis siavice super korpoj de mortintoj en ĉambrego dissekca. Simpatie li malkovris la internan meĥanismon de la homa formo. Eĉ tie lin sekvadis lia revo. Ĉu ne similaj estas ĉiuj homoj, kun samaj organoj, samaj bezonoj, samaj timoj kaj deziroj dum la vivo? Ĉu lingvaj aŭ koloraj diferencoj ŝanĝas tion? Malkono inter gentoj devus ĉesi.

Li plenumis tamen la promeson. "Por pensadi pri homaro, atendu kelkajn jarojn!" sonis admono patra. Sed granda malpleno doloris en koro. Kiel vivi sen celo ideala? Li penso kompatema serĉis materialon. Ĝi sin turnis tiam al suferoj de l' Hebreoj. Legaĵo en ĵurnalo atentigis lin. La cionista revekiĝo lin allogis. Ankaŭ lia gento, kiel ĉiuj, rajtas esti rekonata kaj ŝatata. Kial nur Hebreoj devus kaŝi aŭ prihonti sian naciecon? Ankaŭ ili rajtas havi propran centron de kulturo. Nepoj de Moseo staras ĉie dissemitaj. Malfeliĉo premas multajn. Trans maro blua de l' Helenoj kuŝas antikva Palestino. Laborado, kolektado, volo pacienca kondukos al miraklo. Iam eble staros tie sur tero de l' profetoj nova hejmo de l' Hebreoj. Instruejo, kongresejo malfermos siajn pordojn. Kolonianoj ekloĝos en ĉirkaŭo. Nur justa povis esti tia plano. La disa popolo regajnu l' esperon. Eĉ pli juna, Zamenhof jam verkis versojn en la rusa lingvo. Poemon al Hebreoj li presigis nun en la "Ruski Jevrej":

*Al altar' de libereco, fratoj nun rapidu!*

*Por konstrui propran hejmon ĉiu portu brikon.*

*Eĉ se multajn jam forŝovos vento, akvo, kaj malsaĝo,*

*Ne pereos sub la tero via semo kaj laboro.*

*Vekiĝu, popolo kutima je batoj!*

*En tia tempo dormo estus honta.*

Na een lange kus van moeder vertrok de student naar Moskou. Een uitgestrekte grootstad. Een bomvolle universiteit. Kremlintorens die schitteren. De straten wit gesneeuwd. Sledevoertuigen suizen voorbij, belletjes rinkelen. Langharige paarden snellen verder. Overal levendige vrolijkheid.

De jongeman leefde armoedig. Hij verdiende een beetje met lesgeven. Maar zelfs zo een baantje vinden is voor een jonge Hebreeuw niet gemakkelijk. Ook schreef hij wat voor de krant Moskovskiye Vedomosti (Nl.: Moskouse kroniek). Thuis leefden zijn ouders in angst en onrust. "Slechts negentien roebel per maand geef ik uit", schreef hij om hen gerust te stellen. Maar hoe hij at!

Gewetensvol studeerde hij geneeskunde. En net als alle studenten boog hij zich over lijken in de dissectieruimte. Met mededogen ontdekte hij het interne mechanisme van het menselijke lichaam. Zelfs daar liet zijn droom hem niet los. Zijn alle mensen uiteindelijk niet gelijkaardig, hebben ze niet dezelfde organen, dezelfde behoeften, dezelfde angsten en verlangens tijdens hun leven? Kunnen taal- of kleurverschillen daar iets aan veranderen? Er moet een einde komen aan de onderlinge onwetendheid tussen volkeren.

Toch kwam hij zijn belofte na. "Wacht nog enkele jaren om aan de mensheid te denken!", klonk de vaderlijke vermaning. Maar de grote leegte deed pijn aan zijn hart. Hoe kan je leven zonder een ideaal als richtpunt? Zijn mededogen zocht naar grondstof. Het richtte zich nu op het lijden van de Hebreeën. Een krantenstuk maakte er hem attent op. De zionistische heropstanding trok hem aan. Ook zijn volk mocht, net als alle volkeren, erkend worden en geliefd zijn. Waarom zouden alleen Hebreeën hun nationaliteit moeten verbergen of er zich voor schamen? Ook zij hadden recht op een eigen cultureel middelpunt. De kleinkinderen van Mozes waren overal verstrooid. De ellende drukte op velen. Aan de overkant van de blauwe zee lag het oude Palestina. Hun arbeid, hun samenhorigheid en hun geduldig verlangen zal uitmonden in iets miraculeus. Ooit zal daar een nieuw huis staan voor de Hebreeën, op de grond van de profeten. Kolonisten zullen zich in de omgeving vestigen. Het is een zaak van elementaire rechtvaardigheid. Het verspreide volk moet zijn hoop terugwinnen.

Als jongeman al schreef Zamenhof verzen in het Russisch. In de Ruski Jevrej (Nl.: Russische joden) liet hij een gedicht aan de Hebreeën verschijnen:

*Broeders, haasten wij ons naar het altaar van de vrijheid*

*Per ondo forta de l' amaso*

*Ni svingu flagon al la vivo!*

*Se riĉuloj pro la oro*

*Kisas sklave manojn potenculajn,*

*Ni, malriĉaj, per moneroj de l' laboro*

*Disbatos la katenojn.*

*Al altar' de libereco, fratoj nun rapidu . . .*

Elokvente sonis alvoko junula. Tamen Zamenhof ne fariĝis iam eĉ gvidanto inter la cionistoj. Ĉia trograndigo pri l' merito de l' Hebreoj lin doloris. Konstanta redirado pri "nacio sankta super ĉiuj" vundis lian senton, kvazaŭ ofendado al ceteraj gentoj. Akra mallaŭdo kontraŭ Poloj, Rusoj aŭ Rumanoj malplaĉis al li. Plendoj pri premantaj registaroj ŝajnis al li pravaj, sed ne malamo al popoloj. Eĉ inter liaj samgentanoj la plej malgranda vorto ŝovinista lin repelis.

Ankaŭ la Hebreoj tre bezonis pli proksime koni la ceterajn gentojn. Ankaŭ por ili urĝis lingvo internacia. Ke ili ekkomprenu diferencon inter amasoj kaj sekretaj incitantoj, ke ili sciu historion de l' aliaj: ankaŭ la ceteraj ja suferis, ankaŭ ilin premis potenculoj, ankaŭ ilin ekspluatas malgrandnombro da lertuloj. Hebreoj amu sian Leĝon, sian genton kaj kutimojn, sed ili super ĉio amu la homaron kaj ĝin servu kiel fratoj. Tiel sentis la studento pripensema, kaj revenis al sia revo.

Eĉ la "dek naŭ rubloj" ne troviĝis tro facile ĉe l' komenco de l' monato, kaj ili ne sufiĉis. Zamenhof ne ŝatis trudi elspezadon al gepatroj. Du jaroj jam forpasis. En somero 1881 li revenis hejmen.

En Varsovio li daŭrigos studadon medicinan ĉe l' Universitato Al amata la patrino li rakontis pri la pezo de l' promeso al patro. Lia vivcelo restis la sama. Homoj devas refratiĝi. Kie kuŝas la paperoj kaj provaĵoj de la lingvo intergenta? En libertempo li ja povos ilin trarigardi kaj reveni al laboro kara.

Kun larmoj pala sidis la patrino. Ŝi silentis. Ŝia blanka mano dolĉe glatis la kapon de l' granda filo. Jam dudekdujara li estis. Kiel aŭdos li la veron? Unu tagon ŝia edzo ja bruligis liajn manuskriptojn. Saĝa kaj severa, nur pro amo patra li ĝin faris. Li kredis, ke li tiel "savos" sian filon. Ofte ŝi jam ploris pri tiu ekzekuto. Nun revenis ploroj. Ŝi silentis.

Ludoviko ŝin komprenis. La tutan dramon li divenis. Tuj la patron li nur petis redoni la promesparolon. Urĝas libereco. Nepre lin vokas certa devo. Li nur promesos tion al si mem, ke al neniu li parolos pri sia celo kaj laboro, ĝis li finos universitaton.

Fakte ne tro grava estis la perdiĝo de l' skribaĵoj. Efektive li memoris ĉion parkere. Kun fervoro li refaris sian verkon.

Sur kajeroj de aŭgusto 1881 reaperas preskaŭ sama lingvo

*Om een nieuwe thuis te bouwen moet iedereen zijn steen bijdragen.*

*Zelfs als wind, water en onwetendheid al velen hebben verjaagd,*

*Toch zullen uw zaad en arbeid niet onder de aarde verdwijnen.*

*Sta op, volk, gewoon van slaag te krijgen!*

*In deze tijd is slapen schaamtevol.*

*Met de sterke vloed van de massa*

*Moeten wij de vlag zwaaien naar het leven!*

*Als de rijken voor het geld*

*Slaafs de hand van de machtigen kussen,*

*Zullen wij, armen, met de munten van de arbeid,*

*De ketenen losrukken.*

*Broeders, haasten wij ons naar het altaar van de vrijheid…*

Welsprekend klonk de oproep van de jongeman. En toch is Zamenhof nooit een zionistisch leider geworden. Elke grootspraak over de verdiensten van de Hebreeërs deed hem pijn. De constante herhaling van de "heilige natie boven alle andere" kwetste zijn gevoelens, als was het een belediging aan andere volkeren. Het scherpe misprijzen voor Polen, Russen en Roemenen stond hem tegen. De aanklachten tegen onderdrukkende regimes leken hem terecht, maar niet de haat tegenover andere volkeren. Zelfs al kwam het van iemand van zijn eigen volk, het minste chauvinistische woord stootte hem af.

Ook Hebreeën moesten dringend de andere gemeenschappen van naderbij leren kennen. Ook voor hen was een internationale taal dringend nodig. Zij moesten het verschil snappen tussen het volk en zijn geheime aanstokers, zij moesten de geschiedenis van de andere volkeren kennen: ook die andere hadden te lijden, ook zij werden onderdrukt door machthebbers, ook zij werden uitgebuit door een handvol listigaards. Hebreeën moesten houden van hun Wet, hun gemeenschap en hun gewoonten, maar zij moesten vooral de mensheid liefhebben en haar dienen als hun broeders. Zo voelde de beschouwende student het aan, en zo kwam hij terug bij zijn droom.

Zelfs de "negentien roebel" waren niet gemakkelijk te vinden bij het begin van de maand, en ze volstonden niet. Zamenhof hield er niet van om zijn ouders op kosten te jagen. Twee jaar gingen voorbij. In de zomer van 1881 kwam hij terug naar huis.

In Warschau zette hij zijn studie geneeskunde verder aan de universiteit. Aan zijn geliefde moeder vertelde hij hoe zwaar de belofte aan zijn vader hem viel. Zijn levensdoel bleef hetzelfde. Mensen moeten weer broeders worden. Waar zijn de



Foto: https://commons.wikimedia.org/wiki/File:LL_Zamenhof_gimnazio_1873.jpg

kiel en 1878. Tamen estis jam progreso. La bela balado de Heine "En sonĝo" estis jene tradukita el germana:

*Mo bella princino il sonto vidá*

*Ko ẑuoj malseŝaj e palaj,*

*Sul dillo, sul verda no koe sidá*

*Il armoj amizaj e kalaj.*

*La kron' de ta padro fio pu mo esté,*

*La ora, la redĵa ra sello!*

*La skepro diantiza, rol mo ne volé,*

*Tol mem koj volé mo, ma bella.*

*To et ne estebla", ŝo palla a mo,*

*Kor et si la tombo kuŝé mo*

*E koj i la nokto vioné mo a to,*

*Kor tol fe prekale amé mo!*

Dum ses jaroj Zamenhof laboris ĉiutage, bonigante kaj provante sian lingvon. Li tradukis pecojn el aŭtoroj diverslandaj. Li skribis verkojn originalajn. Li laŭte legis al si la skribitajn paĝojn. Multaj formoj ŝajnis bonaj teorie, sed praktiko montris ilin maloportunaj. Jen tio estis peza, kaj ĉi tio malbelsona.

"Multon mi devis ĉirkaŭhaki, anstataŭi, korekti, kaj radike

papieren en proeven van zijn intermenselijke taal? In zijn vrije tijd kon hij ze herlezen en terugkeren naar zijn geliefkoosde arbeid.

Met tranen in de ogen zat zijn moeder naast hem, zwijgend. Haar bleke hand streelde zacht het hoofd van haar grote zoon. Tweeëntwintig jaar was hij al. Hoe zou hij de feiten opnemen? Op een dag had haar echtgenoot zijn manuscripten verbrand. Wijs en streng, alleen uit vaderliefde, had hij het gedaan. Hij meende dat hij zijn zoon zo zou "redden". Dikwijls al had ze geweend om wat hij had gedaan. Nu kwamen de tranen terug. Ze zweeg.

Ludoviko begreep haar. Hij had het hele drama zien aankomen. Kort daarop vroeg hij zijn vader om hem het gegeven woord terug te geven. Vrijheid drong zich op. Een bepaalde plicht riep hem. Hij beloofde zichzelf dat hij niemand zou spreken over zijn doel en werk, tot hij zijn studie aan de universiteit beëindigd had.

Eigenlijk was het verlies van zijn notities niet zo erg. Hij had het nog allemaal in zijn hoofd. Vol vuur herschreef hij het.

In de schriften van augustus 1981 verscheen nagenoeg dezelfde taal als in 1878. Maar er was al wat vooruitgang. De mooie ballade van Heine *Mir träumte von einem Königskind* vertaalde hij uit het Duits:

*Ik droomde van een Koningskind*

*Met natte, bleke wangen;*

*Wij zaten onder de groene linde,*

*en omstrengelden elkaar liefdevol.*

*"Ik wil je vaders troon niet,*

*Noch zijn gouden scepter,*

*Ik wil niet zijn diamanten kroon,*

*Ik wil jou zelf, jij liefste".*

*"Dat kan niet zijn", zo sprak ze mij,*

*"Ik lig al in het graf,*

*En 's nachts maar kom ik naar jou,*

*Omdat ik je zo liefheb."*

Zes jaar lang werkte Zamenhof dagelijks aan zijn taal, terwijl hij ze ondertussen voortdurend bijschaafde en uittestte. Hij vertaalde stukjes van schrijvers uit verschillende landen, schreef originele stukken en las de geschreven bladzijden luidop voor zichzelf. Veel vormen leken in theorie oké, maar de praktijk leerde hem dat ze ongeschikt waren. Nu eens waren ze te zwaar, dan weer niet welluidend.

"Veel moest ik wegsnijden, vervangen, corrigeren, en radicaal herdenken. Woorden en vormen, principes en eisen waren contradictorisch of hinderden elkaar, hoewel ze me

transformi. Vortoj kaj formoj, principoj kaj postuloj puŝis kaj malhelpis unu la alian, dume en la teorio, ĉio aparte kaj en mallongaj provoj, ili ŝajnis al mi tute bonaj. Tiaj objektoj kiel ekzemple la universala prepozicio "je", la elasta verbo "meti", la neŭtrala, sed difinita finiĝo "aŭ", k.t.p., kredeble neniam enfalus en mian kapon teorie. Kelkaj formoj, kiuj ŝajnis al mi riĉaĵo, montriĝis nun en la praktiko senbezona balasto; tiel ekzemple mi devis forĵeti kelkajn nebezonajn sufiksojn." [1]

Dum tiu puriga laborado ankaŭ foriĝis el la lingvo kelkaj latinaj radikoj, kiel ekzemple "anno" kaj "diurno", kaj anstataŭiĝis per "jaro" kaj "tago". Efektive "-ano" jam estis sufikso kun senco malsama, kaj aliflanke Zamenhof ne volis vortojn kun duobla litero. "Diurno" tre malbele sonis en kunmetitaj vortoj kiel "ĉiudiurne" aŭ "diurnmeze", kaj ankaŭ estis internacia fakte nur por malgranda nombro da homoj kleraj, kiuj konas latinan lingvon aŭ tiajn vortojn francajn kiel "diurne", neniam uzatajn de l' popolo. Dume "tago" estas almenaŭ tuj konata de pluraj grandaj popoloj per uzado ĉiutaga, do fakte multe pli internacia. Same plibelsona "kaj" el greka lingvo anstataŭis "e" latinan, ne sufiĉe klaran al oreloj por dividi frazojn sen konfuzo.

Kiam poste eksteruloj volis "perfektigi" la vortaron, ili ofte nur revenis al unua formo, kaj nur marŝis malantaŭen sur la vojo jam paŝita de viro pli sperta kaj pli zorga. Teorie diris ili, "tiu formo estus certe pli scienca ol ĉi tiu". Ankaŭ Zamenhof jam trovis samon antaŭ ili, sed multjara praktikado vidigis al li gravan maltaŭgecon de l' unua kaj neceson ĝin forigi per plibona.

Ke "genio estas longa pacienco", kiel kantis Viktor Hugo, tion montris la ses jaroj de senĉesa polurado per provado. En infanaj jaroj Zamenhof fervoris por muziko. Li ludis fortepianon, kaj li ŝatis kanti. Tial harmonio ĉiam regis lian guston.

Ne li kredis, ke sufiĉas gramatiko kaj vortaro por vivigi lingvon. Ĉiu malgracio aŭ pezeco en la frazoj lin akre suferigis. Longe li plendadis al si mem, ke la lingvo ne sufiĉe "fluas". Tial li komencis nun eviti laŭvortan tradukadon el tiu aŭ alia lingvo. Li penis rekte pensi en la nova.

Iom post iom ĝi ekiris mem. Ĝi malpeziĝis. Ĝi pli rapidis. Ĝi jam ĉesis esti ombro de l' ceteraj. Ĝi ricevis sian vivon, sian spiriton, sian karakteron propran. Ĝi nun dolĉe puŝis for la influojn de l' ekstero. Ĝi jam fluis tiam, flekseble, gracie, kaj "tute libere, kiel la viva gepatra lingvo".

Tiam estis la vera naskiĝo de la lingvo internacia. Ĉar kiel helpus la homaron senviva kolekto da vortoj? Kiom ĝi valorus, eĉ kun aprobo de naŭdek scienculoj? Ĉiu tirus siaflanke. Mankus fundamento. Ne estus ia stilo komuna. Ne ekzistus ia kutimo por reguligi liberecon. Kontraŭe, pro Zamenhofa pacienco kaj genio la lingvo jam vivis, kiam ĝi aperis. En si ĝi jam portis certan forton, ĉar granda homo ĝin uzadis. Gramatiko kaj vortaro estis ja sciencaj kaj tial nepersonaj, krom elektoj aŭ preferoj de finiĝoj aŭ vortetoj.

1 *Letero al Borovko*

in theorie, elk apart en in korte probeersels, volledig oké hadden geleken. Zaken zoals het universele voorzetsel *je*, het polyvalente werkwoord *meti*, de neutrale maar welomschreven uitgang *aŭ*, enzovoort, zouden in theorie nooit bij me opgekomen zijn. Enkele vormen, waarvan ik dacht dat ze een verrijking zouden zijn, bleken nu in de praktijk onnodige ballast; zo moest ik bijvoorbeeld enkele onnodige achtervoegsels laten vallen.” [1]

Als gevolg van dit schaafwerk verdwenen enkele Latijnse stammen uit de taal zoals bijvoorbeeld *anno* en *diurno*. Ze werden vervangen door *jaro* en *tago*. Enerzijds bestond *-ano* reeds als achtervoegsel met een andere betekenis, en anderzijds wou Zamenhof geen woorden met een dubbele letter. *Diurno* klonk heel lelijk in samengestelde woorden zoals *ĉiudiurne* of *diurnmeze*, en was bovendien eigenlijk ook alleen maar internationaal voor een kleine groep ontwikkelde mensen, die Latijn kennen of Franse woorden als *diurne*, die doorsneemensen nooit gebruiken. *Tago* daarentegen wordt dagelijks gebruikt door een aantal grote taalgemeenschappen, is dus veel internationaler. Het Griekse even welluidende *kaj* verving het Latijnse *e*, dat niet duidelijk genoeg was om zinnen ondubbelzinnig te scheiden.

Toen buitenstaanders de woordenschat later wilden “perfectioneren”, keerden ze in veel gevallen terug naar die eerste vormen. In feite volgden ze het pad dat een veel ervarener en zorgzamere persoon voorheen had bewandeld, maar nu in omgekeerde richting. In theorie, zeiden ze, “is deze vorm zeker wetenschappelijker dan die andere.” Ook Zamenhof was voor hen al op die zaken gestoten, maar zijn jarenlange praktijk had hem getoond dat de eerste vorm onbruikbaar was en vervangen moest worden door een betere.

Dat “genie uit veel geduld bestaat”, zoals Victor Hugo schreef, dat toonden de zes jaren van onophoudelijk bijschaven en uittesten. In zijn kinderjaren was Zamenhof gek op muziek. Hij speelde klavecimbel, en hij hield van zingen. Daarom beheerste harmonie altijd zijn taalsmaak.

Nee, hij geloofde dat grammatica en woordenschat niet volstonden om een taal tot leven te wekken. Elke geforceerdheid of zwaarte in een zin deed hem pijn. Lange tijd verweet hij het zichzelf dat de taal niet voldoende “vloeide”. Daarom begon hij te vermijden om letterlijk te vertalen uit deze of gene taal. Hij probeerde rechtstreeks te denken in de nieuwe taal.

Op dat moment werd de internationale taal echt geboren. Want hoe zou een levenloze verzameling woorden de mensheid kunnen helpen? Wat zou ze waard zijn, zelfs als ze goedgekeurd was door negentig wetenschappers? Ieder zou het laken naar zich toe trekken. Er zou geen fundering zijn, geen gemeenschappelijke stijl. Er zou geen standaard zijn om de vrijheid te reguleren. Integendeel, door het geduld en het genie van Zamenhof was de taal al levend op het moment dat ze werd gecreëerd. Esperanto had uit zichzelf al een bepaalde kracht omdat een groot mens de taal gebruikte. Grammatica en woordenschat zijn wetenschappen en daarom onpersoon-

1 *Brief aan Borkov*



Sed la spirito kunliganta, la stila fundamento, jam estis sigelitaj per mano tre persona. En ĝin Zamenhof metis multon el si mem. Per ĝi li esprimis novan senton, novan homan sopiradon.

Impresanta estis lia personeco, modesta pri si mem, sed obstina pri la celo. Ĝi simbolis revon de multaj koroj nekonataj. Tial ĝi influis poste l' unuan rondon de l' verkantoj en la nova lingvo.

Nacia literaturo komenciĝas ĝenerale per milita poemaro. Ĝian stilon kaj spiriton signas fama kantisto pri bataloj. Okazis male por lingvo Zamenhofa. En pacaj kantoj ĝi eliris al publiko. Pri homa refratiĝo ankaŭ skribis la sekvantoj de la Majstro.

Ankaŭ propran animstaton li esprimis. Dum ses jaroj li restadis sub silento. Ĝi estis tempo malfacila. Al neniu li parolis pri sia laborado. La kaŝeco lin turmentis. Tial li malŝatis eliradi. Nenie li ĉeestis, en nenio partoprenis. En rondoj societaj li sentis sin fremdulo. Tiel pasis for la plej belaj jaroj de la vivo, la studentaj, malgaje kaj dolore. Tiun fajron kaj suferon sub silento li pentris per tiama la versaĵo:

*MIA PENSO*

*Sur la kampo, for de l' mondo, antaŭ nokto de somero*
*Amikino en la rondo kantas kanton pri l' espero.*
*Kaj pri vivo detruita ŝi rakontas kompatante –*
*Mia vundo refrapita min doloras resangante.*

*"Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro, kial tia senmoveco?*
*Ha, kredeble rememoro el la kara infaneco?"*
*Kion diri? Ne ploranta povis esti parolado*
*Kun fraŭlino ripozanta post somera promenado!*

*Mia penso kaj turmento, kaj doloroj kaj esperoj!*
*Kiom de mi en silento al vi iris jam oferoj!*
*Kion havis mi plej karan – la junecon – mi ploranta*
*Metis mem sur la altaron de la devo ordonanta!*

*Fajron sentas mi interne, vivi ankaŭ mi deziras;*
*Io pelas min eterne, se mi al gajuloj iras . . .*
*Se ne plaĉas al la sorto mia peno kaj laboro,*
*Venu tuj al mi la morto, en espero – sen doloro!*

lijk, behalve wat betreft de keuze van en voorkeuren voor uitgangen of woordjes. Maar in de bezieling die alles verbond, in de fundamentele stijl, zag je de hand van een persoon. Zamenhof legde er veel van zichzelf in. Via de taal drukte hij een nieuw gevoel uit, een nieuw menselijk verlangen.

Indrukwekkend was zijn persoonlijkheid, bescheiden over zichzelf, maar onverzettelijk naar zijn levensdoel. Ze stond symbool voor een droom die nog niet tot veel harten was doorgedrongen. Om die reden had ze daarna veel invloed op de eerste kring van schrijvers in de nieuwe taal.

Een taal van een natie ziet meestal het licht in de vorm van een oorlogsgedicht. Een beroemde zanger die oorlogen bezingt legt de basis voor de stijl en de geest van de taal. Voor de taal van Zamenhof was het tegendeel het geval. Zij presenteerde zich aan het publiek met vredesliederen. Over die menselijke verbroedering schreven ook de volgelingen van de Meester.

Ook zijn eigen gemoedstoestand bracht Zamenhof tot uitdrukking. Zes jaar lang verbleef hij in stilte. Het was een moeilijke tijd. Met niemand had hij het over zijn werk. Die heimelijkheid kwelde hem. Om die reden wou hij niet buitenkomen. Nergens was hij te zien, aan niets nam hij deel. In verenigingen voelde hij zich een vreemde. Zo gingen de mooiste jaren van zijn leven, zijn studentenjaren, voorbij in droefheid en in pijn. Dat vuur en dat in stilte lijden zette hij op papier in een gedicht uit die tijd:

MIJN GEDACHTEN

*In het veld, ver weg van de wereld, bij het begin van een zomernacht*
*Zong een meisje uit mijn vriendenkring een lied over hoop.*
*En met medelijden vertelde zij over het verwoeste leven –*
*Mijn opengereten wonde deed me weer pijn, tot bloedens toe*

*“Slaap je? O, mijnheer, waarom die verstarring?*
*Ha, wellicht denk je terug aan je geliefde kindertijd?”*
*Wat kan ik zeggen? Ik kon toch niet wenen*
*In gezelschap van een meisje dat uitrust van een zomerwandeling!*

*Mijn gedachten en kwelling, mijn pijn en hoop!*
*Hoeveel opoffering in stilte ging er niet naar jou!*
*Wat mij meest dierbaar is – de jeugdjaren – heb ik in tranen*
*Geofferd op het altaar van de gebiedende plicht!*

*Binnen in mij voel ik een innerlijk vuur, ook ik wil leven;*
*Iets drijft me eeuwig verder, als ik feestvierders vervoeg…*
*Als mijn moeite en werk het lot niet behaagt,*
*Dat de dood mij nu kome halen, vol hoop – zonder pijn!*

# LEONTINE IS NIET MEER ONDER ONS

*Op 7 september laatstleden overleed Leontine Janssens na een moedige strijd. Esperantisten van buiten Antwerpen zullen ze wellicht minder kennen, maar bezoekers van La Verda Stelo, zoals ondergetekende, dragen haar in hun hart. Op zaterdag 14 september werd zij samen met veel esperantisten naar haar laatste rustplaats begeleid.*

Ik leerde Leontine kennen op een van de Vlaamse Ardennendagen. Samen met echtgenoot Hubert zat ze op de achterbank van mijn auto. Stille, vriendelijke mensen, maar niet geheel op hun gemak in deze uithoek van het land. Later ontmoette ik ze weer toen ik samen met haar een paar uurtjes van dienst was op de Esperantostand van de Cultuurmarkt in Antwerpen en leerde ik ze beter kennen. Leontine bleek op haar vertrouwd terrein niet zo stil te zijn als ik eerst dacht, ze was een vrolijke babbelaar.

Daarna mocht ik bij Leontine en Hubert in Edegem een week lang te gast zijn tijdens de verhuis van de VEB-zetel naar de Lange Beeldekensstraat. Pas toen leerde ik ze ten volle kennen. Eenvoudige mensen, maar wat een energie, warmte en positiviteit ging ervan uit. Zij en Hubert waren, duidelijk met veel voldoening, de drijvende kracht achter diverse verenigingen in Edegem, als twee handen op één buik. Ondertussen was Hubert ook nog druk in de weer bij de verbouwing van de woning van de zoon. Leontine vertelde ook over haar kinderen en kleinkinderen, met trots maar zonder "fanfaronado". Tussendoor sprong ze ook in de bres in de keuken van La Verda Stelo of elders waar Esperanto haar nodig had. En creatief was ze ook: "wenskaartjes maken" was haar hobby. Want aan Esperanto, dat ze op latere leeftijd had ontdekt, was ze verknocht, aldus haar zoon tijdens de afscheidsplechtigheid. Het koppel was ook niet te beroerd om buitenlandse esperantisten te herbergen. Mensen van die "soort" zijn er meer nodig in onze verzuurde samenleving.

En zelfs ondanks haar ziekte bleef Leontine optimistisch. Ik mocht er vorig jaar nog te gast zijn tijdens de voorbereiding van het Openingsfeest toen de ziekte zich al had gemanifesteerd. En ook bij mijn laatste bezoek, enkele weken voor haar overlijden, toonde ze zich nog positief, hoewel ze fel verzwakt was.

Vaarwel Leontine, jij "stille kracht" in de letterlijke zin van het woord. Het ga je goed!

*Piet Glorieux*



Dum la kortuŝa adiaŭa ceremonio Ella Strug, prezidanto de La Verda Stelo, Iwona Kocieba kaj Mireille Storms atestis pri Leontine:

Dum 30 jaroj Leontine estis membro de Esperanto-Antwerpen klubo "La Verda Stelo". Foje ŝi esprimis ke ŝi trovis tie multe da amikeco. Fakte estis ŝi, kiu tre agrabligis la etoson de nia grupo per sia regula ĉeesto en klubaj renkontiĝoj, helpemo kaj kunlaboro en diversaj taskoj! Famiĝis ŝiaj manlaboraj vesperoj kaj bongustaj supoj. Leontine estis ŝatata de ĉiuj. Ni fieras ke ŝi fariĝis unu el plej fidelaj membroj de la klubo. Ŝi ege mankos al ni! Leontine, adiaŭ , ripozu en paco.

30 jaar lang was Leontine lid van de club Esperanto-Antwerpen "La Verda Stelo". Ooit zei ze dat zij daar veel vriendschap vond. In feite was zij het die op een aangename manier heeft bijgedragen tot een goede sfeer in onze groep. Zij woonde regelmatig de bijeenkomsten bij, was behulpzaam en nam verschillende taken waar. Bekend werden haar handwerk-avonden die zij begeleidde en haar lekkere soepen. Leontine was geliefd door iedereen. Wij zijn fier dat zij een van de trouwste leden van de club is geworden. Wij zullen haar missen!

*Ella*

Lieve familie,

Leontine maakte deel uit van onze Esperanto "babilo"-groep. Meer dan 25 jaar geleden kwam zij trouw naar onze 14-daagse samenkomst. Zij was vriendelijk, bezorgd om iedereen, altijd attent om te helpen. Haar inzet voor de "babilo"-grupo was een voorbeeld voor ons allen. Zij maakte haar huiswerk elke keer! Je kon onvoorwaardelijk op haar rekenen. Zij was een stille, maar o zo actieve dame, met heel veel empathie. Voor alle mooie momenten die wij met haar mochten beleven, blijft ze voor altijd in onze gedachten leven. Ripozu en paco, Leontine…

*Iwona*








14/12 en **Antverpeno**: La Verda Stelo kore bonvenigas vin al la **Tutbelga Zamenhoffesto** por kune babili, manĝi, eluzi la tutan FEL-libroservon, trinki, kaj ĝui kulturan programon. Posttagmeze koncertos por ni kantistino el Italio **Chiara Raggi** en koncerto "Blua Horizonto".

Festo okazos en kaj ĉe la sidejo de FEL kaj LVS en Lange Beeldekensstraat 169, Antwerpen, ekde la 10a horo matene ĝis la 18a horo vespere. Kaj poste eblos iom plu festi en la klubejo ĝis... ni ankoraŭ ne scias.

Esperanto-grupo La Verda Stelo invitas vin al la

## Tutbelga Zamenhoffesto
## la 14an de decembro 2019

Ĝuu plenplenan tagon (inter la 10a kaj 18a horoj, kaj eĉ poste) kun kulturo (koncerto de itala Kjara), manĝoj, libroservo, trinkaĵoj, informado, plia amuzado kaj babilado en kaj ĉe la sidejo de FEL, proksime al la Centra Stacidomo de Antwerpen (Lange Beeldekensstraat 169).

Jen la kotizoj (aliĝo validas post pago):

| Periodo | Plenkreskulo | Infano (ĝis inkl. 12 jaroj) |
|---|---|---|
| ĝis la 15a de novembro | 35 | 16 |
| ĝis la 6a de decembro | 40 | 20 |
| poste | 50 | 25 |




## Aliĝilo

| Nomo(j) | N / V | P / I | € |
|---|---|---|---|
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| Entute | | | |

N = Nevegetara ; V = Vegetara ; P = Plenkreskulo ; I = Infano

1. **Plenigu** la aliĝilon kaj sendu al esperanto-antwerpen@esperanto.be

2. **Antaŭpagu** la kotizon (antaŭ la indikita limdato) kun priskribo "ZF2019 + nomoj de aliĝintoj" al:

   IBAN: BE60 9792 1479 3670
   Esperanto-Antwerpen "La Verda Stelo"

**aŭ antaŭpagu** tra nia FEL-konto: lvst-t



# CLUBPROGRAMMA'S

Tenzij anders vermeld zijn alle vergaderingen gratis en voor iedereen toegankelijk. Let wel dat de meeste activiteiten in het Esperanto plaatsvinden. Uiteraard zijn we steeds bereid geïnteresseerde bezoekers in het Nederlands te woord te staan .

**ANTWERPEN – La Verda Stelo, Esperanto Antwerpen vzw** esperanto.be/antwerpen
Alle programma's hebben plaats in het Esperantohuis, Lange Beeldekensstraat 169, 2060 Antwerpen, telkens op vrijdagavond om 20.00 uur.

***Vrijdag 1 november:*** Club gesloten. Er is geen programma wegens het Feest van Allerheiligen.
***Vrijdag 8 november***: Lode Van de Velde "Ecologische levensstijl".
***Vrijdag 15 november:*** Agnes Gelen en Kiki Tytgat "Rakonto pri la Itala Kongreso en Trieste".
***Vrijdag 22 november:*** Eddy Raats: "instrumenten van symfonisch orkest". Samen bekijken en beluisteren wij de instrumenten van een klassiek symfonisch orkest.
***Vrijdag 29 november:*** Orlando Raola (USA) "Lumo kaj koloroj, fizikaj kaj kemiaj aspektoj".
***Vrijdag 6 december:*** Heidi Goes "Esperanto op eilanden en in een exclave: geschiedenis en nieuwe Esperanto-beweging". Heidi presenteert haar boek 'Movadaj Insuletoj' over de Esperanto-beweging in Indonesië. Daarna zal ze vertellen over haar Esperanto-leerlingen in Cabinda, een exclave van Angola.
***Vrijdag 13 december:*** Paola Nigrelli en Chiara Raggi (IT) "Laat mij voort zingen". Hoe en waarom begint men in het Esperanto te zingen en wat betekent dit in het leven van een professioneel muzikant? Voordracht over het beroep van muzikant, hoe een lied ontstaat en wat de betekenis vandaag is van leven met muziek en hoe de muziek een krachtig transport-medium kan zijn voor Esperanto en omgekeerd. Sprekers:

- Paola Nigrelli - esperantiste en onderwijzeres
- Kjara (Chiara Raggi) - zangeres (schrijfster), gitariste, componiste

***Zaterdag 14 december:*** "Nationaal Zamenhoffeest in Antwerpen". De Esperanto-groep La Verda Stelo nodigt je van harte uit op het Belgische Zamenhoffeest om samen te babbelen, te eten, te drinken, de boekendienst van FEL te benutten en van een cultureel programma te genieten. Na de middag verwelkomen wij zangeres Chiara Raggi uit Italië met het concert "Blua Horizonto". Het feest vindt plaats in en bij de zaal van FEL in de Lange Beeldekensstraat 169, Antwerpen, vanaf 10:00 uur tot 18:00. Een inschrijvingsformulier vind je in deze Horizontaal en op de website van La Verda Stelo.
***Vrijdag 20 december:*** Klaas Dijkstra en Ella Strug "Farado de Zam-festo". Verhalen, herinneringen en foto's.
***Vrijdag 27 december:*** "Babbelavond", er is geen voordracht wegens Kerstmis en Nieuwjaar, maar... iedereen die naar de ontmoeting wil komen is welkom om aangenaam te babbelen.

*In geval er wijzigingen zouden zijn in het programma, gelieve na te kijken op de website **esperanto-antwerpen.weebly.com/aktuale.html** Elke week wordt een nieuwsbrief rondgestuurd met vermelding van het programma en meer nieuws. Je kan ons ook volgen op Facebook en geef je goedkeuring voor onze pagina 'La Verda Stelo Antwerpen'. Wens je deze berichten ook te ontvangen, zend jouw aanvraag naar esperanto-antwerpen@esperanto.be. Op elk ogenblik kan je je uitschrijven op deze lijst via een eenvoudige aanvraag aan LVS of via: esperanto-antwerpen@esperanto.be.*

**BRUGGE- Paco kaj Justeco**
esperanto.be/brugge Info bij Heidi Goes. heidi.goes@gmail.com tel.: 050 67 51 78

***BRUSSEL - Esperantista Brusela Grupo*** vzw
www.esperantobruselo.org
Bijeenkomsten in Cultuurcentrum De Pianofabriek (Fortstraat 35, 1060 Sint-Gillis), lokaal Casablanca 2. De groep organiseert ook cursussen voor beginners en gevorderden. Info over cursussen en bijeenkomsten bij Françoise Pellegrin. fransuaz@esperantobruselo.org, tel. 02 358 27 28
Elke 2de maandag van de maand van 19.00 uur tot 22.00 uur: gezellige eet- en babbelgelegenheid met "La Babilemaj Spagetoj". Inlichtingen bij Nicolas de Buyl, nikolao@esperantobruselo.org
***Woensdag 6 november***: Algemene Vergadering.
***Woensdag 27 november***: Voorstelling van het spel: "La Granda Vojaĝo" door Lode Van de Velde.
***Woensdag 4 december***: Voordracht door Heidi Goes over Esperanto-onderwijs te Cabinda.
***Woensdag 18 december***: Voordracht door Bernard-Régis Larue over "De maan, 50 jaar na de eerste stappen". Het is aangewezen de evolutie op onze kalender te controleren op de website esperantobruselo.org
Kunvenoj en Kulturcentro De Pianofabriek (Fortstraat 35, 1060 Sint Gillis), salono Casablanca 2, ĉiun duan merkredon de 18:30 ĝis 20:00.
La grupo organizas kursojn por komencantoj kaj progresantoj. Informoj pri kursoj kaj kunvenoj ĉe Françoise Pellegrin, fransuaz@esperantobruselo.org, tel. 02 358 27 28
Ĉiu dua lundo de 19:00 ĝis 22.00.: Manĝ- kaj babilebleco kun la "Babilemaj Spagetoj". Informoj ĉe Nicolas de Buyl, nikolao@esperantobruselo.org
***Merkredon la 6an de novembro***: Ĝenerala Asembleo.
***Merkredon la 27an de novembro***: Prezento de la ludo "La Granda Vojaĝo" de Lode Van de Velde.
***Merkredon la 4an de decembro***: Prelego de Heidi Goes pri Instruado de Esperanto en Kabindo.
***Merkredon la 18an de decembro***: Prelego de Bernard-Régis Larue pri: "La luno, 50 jaroj post la unuaj paŝoj". Bonvolu kontroli la evoluon de nia kalendaro sur nia retejo esperantobruselo.org

**GENT- La Progreso** esperanto.be/gent
Clubvergadering in ons lokaal La Progreso, Peter Benoitlaan, 117 9050 Gentbrugge: Iedere vierde vrijdag van de maand om 20.00 uur. Inlichtingen bij Katja Lödör, tel. 09 230 16 77.
***Vrijdag 22 november:*** Françoise Pellegrin spreekt over "Vaccineer u! Mythe of realiteit".
***Zaterdag 14 december:*** Deelname aan het nationaal Zamenhoffeest in Antwerpen.

**KALMTHOUT- La Erikejo**
laerikejo.wordpress.com/
Bijeenkomsten in het Parochiecentrum van Heide, elke derde donderdag van de maand tussen 19.30 uur en 21.30 uur.
***Donderdag 21 november:*** Zijn er thans nog goede redenen om Esperanto te leren? André Staes geeft een lezing daaromtrent met de volgende titel: "Dramo por la fina venko". Door "dramatische" samenspraken zoeken wij op het goede spoor te komen en nieuwe wegen te vinden. We zijn benieuwd...
***Zaterdag 14 december:*** Deelname aan het nationaal Zamenhoffeest in Antwerpen.

**KORTRIJK- Koninklijke Esperantogroep La Konkordo**
esperanto-kortrijk.info
Bijeenkomsten in het Groeningeheem, Passionistenlaan 1 te Kortrijk elke vierde dinsdag van de maand van 19.30 uur tot 21.30 uur. Indien de vierde dinsdag een feestdag is, dan op de derde dinsdag.
**Contact via e-mail:** piet.glorieux@gmail.com en esperantokortrijk@hotmail

**Bezoek het Fonds Van Biervliet.** Iedereen is de eerste en derde donderdag van de maand welkom vanaf 10.30 uur in de stadsbibliotheek van Kortrijk, Leiestraat 30 (aanmelden in de discotheek, kelderverdieping). Gelieve indien mogelijk het bezoek vooraf te melden aan fonds.vanbiervliet@gmail.com'. Roland Rotsaert roland.rotsaert@gmail.com 0494 54 32 86
sites.google.com/site/esperantokortrijk/

**LEUVEN-Vespero 3000** esperanto3000.be
Bijeenkomsten in het Cultureel Centrum Romaanse Poort, Brusselsestraat 63, 3000 Leuven, tweede woensdag van de maand om 18.45 uur; de lezingen beginnen om 19.00 uur (opgelet: dit is een uur vroeger dan vorig jaar).
***Woensdag 13 november:*** Les-en voordrachtavond. Nicky Jansen spreekt over het Internationaal congres voor kinderen en adolescenten in Lahti, en de Gezinsweek in het kasteel van Grézillon, in de voorbije zomer.
***Woensdag 11 december:*** Les-en voordrachtavond. Voordracht of vrij gesprek.

***Noteer alvast:***
***Zondag 22 maart 2020:*** HungaroMania in samenwerking met Esperanto 3000. Dag waarop Hongarije, de Hongaarse taal en de internationale vriendschap centraal staan. Voor meer info: hungaromania.eu




**OOSTENDE -La Konko** www.lakonko.be
In Ontmoetingscentrum De Boeie, Kerkstraat 35.
***Elke maandag 14.00 uur tot 15.45 uur:*** Gespreksnamiddag voor gevorderden, uitgezonderd 11 november, 23 en 30 december. Info: gepir.apro@telenet.be.
***Elke maandag 16.00 uur tot 17.00 uur:*** Esperantocursus voor beginners met Anne Brabant, uitgezonderd 11 november, 23 en 30 december. Info: anne.brabant@telenet.be
***Zaterdag 14 december:*** Deelname aan het nationaal Zamenhoffeest in Antwerpen.
***Maandag 2 december om 17uur:*** Bestuursvergadering. Meer info Flory Witdoeckt, flory2@witdoeckt.be, 059 70 29 14

**PEER- Limburga Esperanto Asocio**
www.esperanto.be/limburg
De Limburgse Esperanto Vereniging (LEV) organiseert activiteiten in het Cultuurcentrum 't Poorthuis, Zuidervest 2A Peer. Info: henri.schutters@skynet.be
***Donderdag 28 november***: Ben Indestege spreekt over: "Activiteiten van en voor UEA".
***Zaterdag 17 december***: Deelname aan het nationaal Zamenhoffeest in Antwerpen.
***Elke woensdag van 9.30 uur tot 11.30 uur:*** In BICC Cultuurcentrum 't Poorthuis: basiscursus Esperanto, begeleiding: Henri Schutters.

